# BELGA ESPERANTISTO

44 aParo - N-ro 6a - Decembro 1952

Ĉefredaktoro :

Maur. JAUMOTTE

Avenuo De Bruyn, 44

Wilrijk-Antverpeno

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO

DE

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,

aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Socia Sidejo : 106, rue Général Lotz, Bruselo



LA ĈEFPREĜEJO KAJ LA SKELDO :

CENTRO DE LA URBO DE LA BENELUKSA KONGRESO.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

106, rue Général Lotz, Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad*, n-ro 115, 27 Junio 1936.

---

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro J. VAN HOUTTE,
Ĉefministro, Deputito.

S-ro Achille VAN ACKER,
Eksĉefministro, Deputito.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Lode CRAEYBECKX,
Urbestro de Antverpeno, eksministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.

# BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

14a Jaro | Decembro 1952 | N-ro 6a

## UNESKO kaj Esperanto

Sur la kovrilo de la antaŭa numero de nia revuo staris kliŝo kun jena teksto :

**Ĉu UNESKO pristudos la problemon de la lingvaj malfacilaĵoj inter la popoloj ?**
**— Tion decidos la ĝenerala konferenco baldaŭ okazonta.**

Intertempe, la konferenco de UNESKO kunvenadas en Parizo.

Malfeliĉe, ekestis politikaj incidentoj okaze de la akcepto de Hispanujo kiel membro de la organizaĵo, kaj la eksiĝo de la ĝenerala direktoro ankaŭ tute aliigis la evoluon de la laborplano de la konferenco.

Nenio tamen indikas, ke tiu laborplano ne estos efektivigata, almenaŭ plej grandparte.

Kaj tial ni volas atentigi niajn legantojn pri la tre grava punkto en tiu laborprogramo, kiu temas ne pri Esperanto mem, sed tamen pri la lingvaj malfacilaĵoj inter la popoloj.

Ĉiuj memoras ke, antaŭ kelkaj jaroj, estis transdonata en la O.N.U., grava petskribo, per kiu centmiloj da personoj individue, — ĉiu sur aparta folieto — esprimis sian deziron, ke Esperanto estu akceptata kiel helplingvo kaj ke ĝia instruo estu kuraĝigata kaj akcelata de la registaroj.

Inter tiuj, kiuj individue subskribis tian folieton, estas la Prezidanto de la franca Respubliko, S-ro Vincent Auriol; ankaŭ diversaj ĉefministroj kaj ministroj, multaj parlamentanoj, scienculoj, industriistoj kaj komercistoj... Dum multaj asocioj kaj sindikatoj, kun centmiloj da membroj, are aliĝis al tiu deziresprimo.

La rezulton de tiu ĉi referendumo la O.N.U. transdonis al UNESKO, por ke tiu ĉi organizaĵo pristudu la demandon.

En ĉiuj landoj de la mondo, la Esperantistaj organizaĵoj sin direktis al la oficialaj delegitoj, kiuj reprezentas iliajn landojn ĉe la Konferenco. En Belgujo, ankaŭ Belga Ligo tion faris kaj diversaj delegitoj promesis, ke ili subtenos la proponon pri budĝeto, dediĉota al la pristudo de tiu ĉi por la tuta mondo interesa problemo.

Ĉar, en tiu unua stadio, ne jam temas pri diskuto, kiu neeviteble iĝus ĥaosa, sed nur pri la akcepto de budĝeto, kiu permesos al speciala komisiono pristudi la demandon, por ke, ĉe sekvonta kunsido de la organizaĵo, la delegitoj povu priparoli la aferon en pli taŭga kaj rezultebliga maniero.

La gvidantoj de la internacia movado tre serioze sekvas la demandon: kaj se la budĝeto estas akceptata, ilia unua tasko estos, kunigi la necesan dokumentaron por konvinki tiujn delegitojn, kiuj aktive kaj speciale pristudos la problemon.

Intertempe, en ĉiuj landoj, la esperantistaro, kun granda intereso kaj granda espero, sekvos la evoluon de la afero. Maur. JAUMOTTE.

# La Beneluksa Esperanto-Kongreso

Kvankam la oficiala Komuniko n-ro 2 estos publikigita nur post nova plena kunsido de la L.K.K., ni jam malkaŝas kelkajn sekretojn !

Ĉiu kongresano ricevos senpagan kongreslibron (ĉ. 40-paĝan) ; ĝi enhavos utilajn kongresajn informojn, la historion de kaj indikon pri la kongresurbo, la liston de ĉiuj aliĝintoj, almenaŭ ĝis certa dato, ktp.

La kongreskomitato ankaŭ eldonos plaĉan poŝtkarton, afrankitan per havinda, verda, 80-ctm-a poŝtmarko (serio de la Poŝt-Estroj). Ĝi krome surhavos specialan kongresan poŝtstampon — en Esperanto ! — ĉar almenaŭ du tagojn funkcios por ni poŝt-oficejo en la Kongresejo.

(La prezo de tiu saluta karto estos verŝajne 5 bfr aŭ 40 cendoj. Ĝi estos akirebla de ne-kongresanoj eksterlandaj por 1 respondkupono).

Ni fine instigas niajn gemembrojn kiuj ne jam faris, tuj pagi la kongreskotizon de 50 frankoj al P.C.K. N° 3766.98 de « Belga Esperanto-Kongreso », Antverpeno.

---

# Ĉu vi scias ?

En pasinta numero, ni komencis la publikigon de nova rubriko, kiun ni daŭrigos en la proksima numero.

Ni volas hodiaŭ rezervigi la lokon al paĝo, kiun ni trovas en la septembra-oktobra numero de « Franca Esperantisto » kaj kiu prezentas ankaŭ tian demando-serion, sed speciale rezervitan al nia Majstro.

Ĉar estas decembro, en kiu ni festas la Zamenhoftagon, ni pensas ke tio ĉi interesos pli multe la legantojn ol la demandaro kiun ni preparis pri la movado mem kaj kiu same bone povas aperi en la numero de Januaro :

## DEMANDOJ PRI NIA MAJSTRO

Nia amiko Jossinet, kies kompetento pri ĉio, kio koncernas la vivon de D-ro Zamenhof, estas bone konata, donas al ni kelkajn respondojn pri faktoj malbone konataj. Jen la demandoj faritaj, kaj liaj respondoj.

*Kiu estis la laŭleĝa antaŭnomo de D-ro Zamenhof ?* — Lazar (ruse): efektive, li estis enskribita ĉe la Rabeno nur sub tiu antaŭnomo (en la hebrea parto de la libro : El'Azar).

*Kiu estis lia kutima antaŭnomo ?* — Ludwik (pole): li ne volis, ke oni uzu alian nomon.

*En kiu lingvo li estis edukita ?* — En la rusa.

*Ĉu D-ro Zamenhof lernis fremdajn lingvojn ?* — Jes, en la infaneco, li lernis la germanan, la francan kaj la anglan. En Varsovio, li lernis kun granda sukceso la latinan, la grekan, la germanan kaj la francan lingvojn. Li eĉ ricevis en 1879 arĝentan medalon de la gimnazio pro lia bonega studo de la greka lingvo.

*Ĉu D-ro Zamenhof konis aliajn lingvojn ?* Jes, la polan, la hebrean kaj la jidan. Entute 12 lingvojn.

*Ĉu D-ro Zamenhof iafoje uzis pseŭdonomojn ?* — Jes, li subskribis per Holzamen, D-ro Esperanto, Anna R., Unuel, Ego sum, Homarano, kaj D-ro X.

*Ĉu D-ro Zamenhof fondis Sionisman Grupon ?* Jes, la unuan en Varsovio: ĝi havis kiel nomon : « Amikoj de Siono ».

*Ĉu D-ro Zamenhof havis fremdan praulon ?* — Li mem asertis, ke lia familia nomo Samenhof estas germandevena (ekzistas vilaĝo

# Fondaĵo Jennen... kaj Premio por Grupo

Nia membraro scias, kio estas la premio « Antoinette Jennen ».

Temas pri postlasaĵo de nia bedaŭrata amikino F-ino Antoinette Jennen kaj kiu permesas al ni transdoni ĉiujare premion.

La du unuajn jarojn tiu premio estis transdonata al S-ino Maria Elworthy-Posenaer, pro ŝia pioniraeco, kaj al la Bruĝa Grupo, okaze de ĝia jubileo.

La prezidanto de la « Fondaĵo », S-ro Maur. Jaumotte tamen akceptigis de la membroj de la juĝantaro, ke, estonte, la premio ne plu estos donata al privatulo, kiu bone laboris, sed al la belga grupo, kiu plej bone laboris en tiu ĉi senco, ke ĝi progresigis la Ligon per plialtigo de sia membraro kaj de la sumoj transdonotaj ilirilate al la Ligo.

Por scii kiu Grupo akiros la premion, ne gravas kiu estas la grupo plej forta; sed kiu grupo akiris, **kompare al la antaŭa jaro**, la plej altan procenton.

Je la 15a de novembro, dato de la lasta administrantara kunsido de la Ligo, la intergrupa konkurso donis jenan rezulton :

| Grupo de : | 1951a | 1952a | % |
|---|---|---|---|
| | — | — | — |
| Bruselo | 448 p. | 492 p. | 109,8 |
| Antverpeno | 511 | 558 | 109,2 |
| Gento | 119 | 120 | 100,8 |
| Bruĝo | 264 | 220 | 83,3 |
| Charleroi | 47 | 35 | 74,4 |
| Verviers | 72 | 36 | 50,— |

El tio evidentiĝas, ke tri grupoj plibonigis sian rezultaton kompare al la antaŭa jaro; dum ĉiu esperas ke ankaŭ la Bruĝa Grupo ankoraŭ kapablos atingi similan rezultaton antaŭ la fino de tiu ĉi monato.

Intertempe la vetkurado iras inter la brusela kaj la antverpena grupo, kiuj ambaŭ promesis labori ĝis la lasta tago de la jaro al la plibonigo de la jam tre bela rezultato... por gajni la premion, jes; sed precipe por plifortigi la situacion de Belga Ligo.

Ni do faras alvokon al tiuj Belgliganoj, kiuj havas infanojn, nepojn, nevojn, kuzojn, aŭ nepinojn, nevinojn kaj kuzinojn, kiuj ne jam estas membroj de la Ligo, por ke ili ilin membrigu, eĉ kiel kadetojn, se ili ne estas jam 18 jaraj.

Estas interesa maniero subtenu la movadon, ĉar Belga Ligo sendas al tiuj membroj la revuon, kiu iam ekinteresigos, se ne la infanon mem, eble unu el liaj familianoj !

Ni laboru, ni persistu, kaj ni venkos !

---

Samhof apud Ingolstadt, en Bavarujo: alia vilaĝo Samhof ekzistas en Estonujo, 20 kil. oriente de la suda pinto de la lago Wirzjarw. — Lia bofrato Silbernik eĉ asertis, ke lia familio estis forpelita el Hispanujo en 1492.

*Kiam D-ro Zamenhof estis nomita kavaliro de la franca Honorlegio ?* — En 1905, laŭ Registara Dekreto, je la 20a de julio.

*Kioma estis la unua monkvanto investita por Esperanto ?* — Dek mil rubloj (= 26.500 francaj frankoj), doto de S-ino Zamenhof.

*Ĉu ekzistas ankoraŭ fonografaj diskoj (aŭ cilindroj) kun la voĉo de D-ro Zamenhof ?* — Verŝajne ne, bedaŭrinde. La disko enregistrinta lian voĉon en 1911, en Parizo, estis laŭkontrakte detruita — kun aliaj diskoj — kiam la firmo Gaumont vendis sian industrion.

Roland JOSSINET.

# Por ke Blinduloj povu legi

*LA ESPERANTO-ALFABETO EN BRAJLA SKRIBO*

| A | B | C | Ĉ | D | E | F | G | Ĝ | H |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ⠁ | ⠃ | ⠉ | ⠩ | ⠙ | ⠑ | ⠋ | ⠛ | ⠻ | ⠓ |

| I | J | Ĵ | K | L | M | N | O | P | R |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ⠊ | ⠚ | ⠺ | ⠅ | ⠇ | ⠍ | ⠝ | ⠕ | ⠏ | ⠗ |

| S | Ŝ | T | U | Ŭ | V | Z |
|---|---|---|---|---|---|---|
| ⠎ | ⠮ | ⠞ | ⠥ | ⠬ | ⠧ | ⠵ |

*Ĉi tiu artikolo estas resumo de parolado, kiun faris nia blinda samideano Henry Kruse, Jr. antaŭ la Literatura kaj Praktika Esperanto Grupo en New York. Ni ĉerpis ĝin en la lastaperinta numero de « Amerika Esperantisto » (Sept. Okt. 52a).*

De antikvaj tempoj estis blinduloj inter la homaro, kaj ili fariĝis socia problemo. Ĉar ili ne povis sin vivsubteni en la antikva ekonomio, ili plej ofte mortis aŭ estis mortigitaj. Eĉ tiam, tamen, estis multaj blindaj metiistoj, ekzemple vagantaj muzikistoj kaj poetoj. Primitivaj popoloj ĉiam bezonis personojn por kanti pri iliaj bravaj venkoj.

Ĉiuj aŭdis pri la fama blinda *Homero*, kiu verŝajne estis tia vagmuzikisto. Sed la plej granda parto de la blinduloj restis ĝis modernaj tempoj nur almozpetantoj. Nuntempe, la blindulo povas sin mem subteni, se nur vidantoj komprenas kaj fidas pri lia kapablo. Tiu fakto estas dank' al modernaj edukmetodoj.

Tiun edukon komencis Valentin Haüy en la jaro 1783, kiam li fondis en Parizo la Instituton Nacian de Junaj Blinduloj. Haüy edukis per alfabeto de grandaj levitaj literoj havantaj la formojn de ordinaraj nigrepresataj literoj.

Post proksimume kvindek jaroj, Louis Braille elpensis palpalfabeton por blinduloj, kiu hodiaŭ portas lian nomon. France kaj angle ĝi nomiĝas *braille*, kaj Esperante *brajlo*.

Braille estis unue studento kaj poste instruisto de orgenmuziko en la Pariza lernejo. Ĉar li kredis, ke sukcesa blinda muzikisto devas skribi kaj legi sian muzikon, Braille elpensis sian sespunktan sistemon de palpskribo.

Poste li alĝustigis ĝin por ordinara legado. Braille bone sciis, ke levitaj punktoj estas pli palpeblaj ol levitaj linioj, kaj ke la plej bona sistemo de palpskribo estu plej simpla. Ĉiu el liaj literoj kaj signoj formiĝas el unu ĝis ses punktoj en sespunkta ĉelo. El tiuj punktoj oni povas fari sesdek-tri diversajn kombinojn. Eĉ hodiaŭ la plej granda nombro da blinduloj opinias, ke la brajla sistemo estas la plej bona palpskribo iam elpensita. Oni povas presi brajle, kaj oni povas skribi ĝin per brajlskribmaŝino aŭ per mano.

Spite de la boneco de la brajla sistemo kaj ĝia populareco inter la blin-

duloj mem, la estraro de la lernejo en Parizo malaprobis ĝin kaj malpermesis ĝian uzon. Oni eĉ malpermesis, ke Braille instruu per sia sistemo. Li mortis forgesita kaj malkontenta en Januaro 1852, kaj estis entombigita en sia naskiĝvilaĝo Coupvray, Francujo. Tien senĉese pilgrimas blinduloj kaj blindulamikoj. Nur nuntempe, je la centjara datreveno de lia morto, oni planas translokigi lian korpon al inda tombejo en Parizo (1).

Je proksimume la sama tempo, kiam Louis Braille enkondukis sian sistemon, temon, fondiĝis tri unuaj Usonaj privataj lernejoj por blinduloj. En ĉi tiuj lernejoj kaj en la multaj ŝtataj lernejoj, kiuj baldaŭ poste fondiĝis en Usono, oni uzis levitajn literojn simile al la Haüy-sistemo. Pli poste oni edukis per *American Braille*, kiu estas adaptaĵo de la originala brajla sistemo. En 1918 ĉiuj blindullernejoj kaj blindulpresejoj en Usono konsentis uzi sistemon nomatan *reviziita angla brajlo, grado unu kaj duono.*

Dum la lastaj jaroj komitato de Unesco por Unuforma Brajlo aranĝis konferencojn, kie edukistoj kaj presistoj de samlingvaj grupoj interkonsentis pri unuformaj brajlaj sistemoj por siaj lingvoj. Tiuj konferencoj jam sukcesis pri Proksima kaj Meza Oriento, Afriko, kaj Hispan- kaj Portugal-lingvaj landoj. Ankoraŭ necesas nur unuformigi la brajlajn sistemojn de la Malproksima Oriento.

Restas por priskribi, eble la plej gravan, plej antaŭvidantan hodiaŭan klopodon pri brajlo : la Esperanto-movado inter la blinduloj. Eble estas nekredeble, sed proporcie estas pli da blindaj Esperantistoj ol vidantaj. El la 268 regule presataj brajlaj revuoj en la mondo, kvin estas en Esperanto.

-----

(1) Tiu inda tombejo estas la Panteono, al kiu, laŭ speciala leĝo, estis transportataj la restaĵoj de la kara mortinto.

## EKZEMPLO SEKVOTA

*WORLD FEDERATION FOR THE PROTECTION OF ANIMALS.* — En la somera numero de la organo de tiu ĉi Asocio, en kiu nia malnova amiko Jan Jacobs ludas gravan rolon, aperis, unuafoje, artikolo en Esperanto « Tutmonda alvoko por stariga Fondo » ...Ni scias ke, dum la internaciaj kunvenoj de tiu asocio, nia amiko, diversfoje jam, parolis maltapide esperantlingve kaj same bone aŭ eĉ pli bone komprenigis sin, ol tiuj kiuj parolaĉas iun alian tielnomatan « internacian » lingvon... Li intencas daŭrigi kaj, ankaŭ en la revuo, li presigos estonte similajn artikolojn. Gratulojn.

---

Kial la blinduloj tiel sin turnas al Esperanto ? Ĉar ili mem pli multe bezonas ĝin, kaj tial pli bone komprenas la ĝeneralan bezonon de Esperanto. Brajla presado estas multekosta, kaj blinduloj ne havas multan monon. Tial la internacia pruntprenado de brajlaĵoj estas speciale necesa.

Estis surdblinda Sveda lingvisto Harald Thilander, kiu unue komencis klopodi por Esperanto inter la blinduloj. Tuj kiam li mem eklernis Esperanton, li komencis agiti por ĝia uzo inter blinduloj. Sub lia influo Profesoro Cart de Francujo fondis en 1904 la unuan Esperantan brajlan revuon *Esperanto-Ligilo.* Post kelkaj jaroj Thilander mem fariĝis brajlpresisto, kaj de tiam li regule redaktis kaj presis la revuon.

Krom la Esperantaj brajlaj gazetoj, estas ankaŭ brajlaj libroj publikigitaj Esperante. Nur antaŭ nelonge fondiĝis Internacia Esperanta Brajla Biblioteko en Francujo, de kiu iu ajn blinda Esperantisto rajtas pruntepreni librojn per poŝto. Jus fondiĝis Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj. Ĝi celas plibonigi la vivkondiĉojn de la tutmonda blindularo, kaj pli disvastigi la uzon de Esperanto.

# Paŝo post Paŝo en Esperanto 6.

Dum nia elementa kurso ni lernis ke « oni uzas **sia**, kiam la vorto apud **sia** rilatas al la subjekto de la frazo sed ne estas parto de ĝi mem ».

Ni iom pli detale priparolu tion :

Ni ankoraŭ bone scias, ke la posedaj pronomoj estas **mia, via (cia), lia (ŝia, ĝia), nia, via, ilia.**

Do, por la tria persono : **lia, ŝia, ĝia** en la ununombro kaj **ilia** en la multenombro.

Anstataŭ tiuj pronomoj, ni uzas sia (= de si) por la multenombro same kiel por la ununombro, se la vorto apud tiu pronomo rilatas al la subjekto sed ne troviĝas mem EN la subjekto de la frazo. Oni do neniam povas uzi sia EN subjekto.

Unuflanke ni diras :
mi vidas mian patron
vi vidas vian patron
li vidas *sian patron* (de si)

sed aliflanke :
mia patro vidas min
via patro vidas vin
lia patro (de li) vidas lin.

En la simplaj frazoj ne povas esti malfacilaĵoj, kvankam oni vidas ofte erarojn koncerne la uzon de sia.

Iom pli atenti oni devas kiam temas pri nesimpla frazo :

1-e en la ĉefa frazo oni tutsimple respektas la ordinaran regulon;

2-e en la subfrazoj, la komplementaj frazoj, oni devas bone distingi la subjekton de la ĉeffrazo kaj la subjekton de la subfrazo. Se ne troviĝas subjekto en la komplementa frazo, oni devas enpense aldoni ĝin.

Se la subjekto-vorto apud sia (en la subfrazo) rilatas al la subjekto de la komplementa frazo : **sia.**

Se la vorto apud **sia** rilatas al la subjekto de la ĉeffrazo : **NE** sia.

Certaj gramatikistoj plenigis tutajn broŝurojn pri la **sia**-problemo. Zamenhof mem eĉ ne menciis ĝin kaj la regulon oni faris laŭ la ekzemploj de la klasikaj Esperanto-tekstoj.

Se oni aplikas la regulojn cititajn ĉi-supre, oni ne erare uzos la posedan pronomon de la tria persono kaj pli profunda pristudo estos temo por alia « Paŝo » post kelkaj monatoj.

**Ekzemploj :**

**1-e simpla frazo :**

**Li renkontis sian fianĉinon** (de si) = Alberto renkontis la fianĉinon de Alberto.

**Li renkontis lian fianĉinon** (de li) = Alberto renkontis la fianĉinon de Ludoviko.

**2-e nesimpla frazo :**

**La instruisto legis en sia libro, postulante ke ankaŭ la lernantoj legu siajn lecionojn : la instruisto legis en sia libro** = en la libro de la instruisto = de si = de la subjekto; ...**ke la lernantoj legu siajn lecionojn** = la lecionojn de la lernantoj = de si = de la subjekto de la komplementa frazo.

Kaj aliflanke : **La instruisto unue legis sian diktaĵon, postulante ke poste la lernantoj klarigu lian tekston** = la tekston de la instruisto = de li = do de la subjekto de la ĉeffrazo = lia.

**EKZERCO** : Prenu la « Fundamento »-n kaj klarigu al vi la uzon de la posedaj pronomoj en diversaj tekstoj.

H. S.

---

## FAKA UZADO DE ESPERANTO

S-ro C. A. Pruissen el Amersfort (Nederlando) verkis 62-paĝan broŝuron, kiu enhavas ne nur modelojn de komercaj leteroj, sed ankaŭ utilajn konsilojn pri internacia komerco, kaj listojn de specialaj komercaj vortoj kun iliaj difinoj. (Eldonita de The Esperantist Publishing C°, Heronsgate, Rickmansworth). Esperantistoj, apliku esperanton al via fako.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

Por enkonduki la oktobran monaton, la 3an tagon parolata jurnalo okazis kun la kutima kunlaboro de diversaj membroj.

La postan tagon (sabate) multaj verdstelanoj kun siaj familianoj partoprenis al la aŭtuna balo.

La 10an ni havis la plezuron ĉeesti vesperon arangitan de niaj novaj membroj : S-ino G. Debacker (kiu pritraktis la amuzan parton) kaj S-ro H. Denayer (kiu prenis sur sin la geografian parton). Ili donis detalan raporton pri sia vojaĝo al Jugoslavujo kaj ili surprizis nin per filmoj (parte kolorigitaj) pri siaj gravaj travivaĵoj en la lando, kie okazos nia sekvontjara universala kongreso. Ili speciale substrekis la afablecon kaj la korecon de la akcepto danke de la jugoslavaj esperantistoj. Multaj ekstergrupanoj, konatoj de la geparoladantoj, ĉeestis tiun interesan vesperon. S-ro R. Van Eynde afable funkciigis la filmaparaton.

La amuza vespero de la 17a donis al F-ino H. De Ketelaere la okazon montri sian kapablecon. Ŝi tion faris tre lerte kaj sprite kaj la longa aplaŭdo ĉe la fino vere esprimis la dankon de la ĉeestantaro. Estis unu el la plej bonaj amuzaj vesperoj de la lasta tempo.

La 24an, F-ino H. Holkens parolis pri « Kelkaj Skizoj. ». Ŝi vekis la atenton per sia spritplena temo kaj la maniero laŭ kiu ŝi ĝin prezentis. Per enigmaj desegnaĵoj (memverkitaj) ŝi revivigis situaciojn pasintajn aŭ personojn kiuj ludas specialajn rolojn en nia grupo. La videbla amuziĝo de la publiko estis por la paroladistino rekompenco pro ŝia laboro.

Por konkludi la monaton, la 31an S-ro R. Van Eynde arangis filmvesperon, ŝatatan de la ĉeestantoj pro la diverseco de la temoj kaj pro la fakto, ke kelkaj filmoj jam estis sonaj.

La 7an de novembro, okazis nia ĉiujara mitulvespero en la salono « In 't Kasteeltje », Waalsekaai, 42 Membroj partoprenis al tiu festeneto kaj laŭ la speciala karaktero de tiu vespero, ĉiu estis devigata kunporti sian propran lumon. Tiu fakto donis al la festestraro la okazon elekti la plej belan lumigilon: F-ino Thibau gajnis la premion, sed nia prezidanto konigis sin kiel la plej grava mitulmanĝanto.

La diskutvespero de la 14a kun la temo « Ĉu la mondo progresas ? » estis enkondukata de S-ro G. Van den Bossche. Tiu aktuala subjekto vigle estis diskutata, precipe de S-roj M. De Ketelaere kaj K. Amerycks. F-inoj H. De Ketelaere kaj H. et M. Holkens, S-roj Vanderhoydonck kaj A. Debacker, S-ro M. Jaumotte, kiel Prezidanto, per trafaj vortoj detalis diversajn punktojn kaj pliklarigis kelkajn opiniojn de la ĉeestantoj. La konkludo estis ke la mondo vere progresas !!

*Programo de la venontaj Kunvenoj :*

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw » Frankrijklei, 4 je la 20 a 30 h.

*Decembro* : la 5an : parolata jurnalo-Sankta Nikolaa festo; la 12an : Zamenhofa vespero; la 19an : amuza vespero; la 21an (dimanĉon) : aŭtoĉar-ekskurso al Bruselo por viziti la lumigadon; la 26an (2a Kristnasktago) : *ne okazos kunsido*; sabaton, la 27an : Kristnaska Balo, kun interludoj *(ĉiu kunportu surprizan donaceton)*.

*Januaro 1953a* : la 2an : parolata jurnalo; la 9an : « Base-ball »-vespero, kun klarigoj demonstracioj k.t.p. de S-ro Jozef Vinck kaj Kompanio; la 16an : ĝenerala kunsido; la 18an (dimanĉon) : jarfesteno, sekvota de kabareda horo kaj de dancado; la 19an : (lundon) : ekzameno de la vintra kurso la 23an : diplomdisdono al la geletmintoj de la vintra kurso; la 30an : prelego el la libro « Miru, Pensu, Ridu ».

*Februaro* : la 6 an : parolata jurnalo; la 13an : amuza vespero en la signo de karnavalo; la 14an : (sabate) karnavalbalo; la 20an : filmvespero de S-ro R. Van Eynde; la 27an : Parolado de S-ro Theo Van Gindertaelen, komitatano de U.F.A.

*Marto* : la 6an : parolata jurnalo; la 13an : kabareda vespero de « La Klopodantoj »; la

20an : diskutvespero; la 27an : amuza vespero.

*Aprilo* : la 5an : parolata jurnalo (Sankta Vendredo).

BRUĜO

## Bruĝa Grupo Esperantista.

*(Poŝtĉeknumero : 48.55.53)*

La kurso por komencantoj regule estas ĉeestata dum la unua horo de ĉiu marda kunveno. Dum la dua horo la novaj gelernantoj kune kun la pli malnovaj gemembroj agrable praktikas la lingvon.

La 7-an de Oktobro okazis tiel interparolado pri diversaj artikoloj aperintaj en la Belga gazetaro pri la problemo de la internacia lingvo. La 14an de Oktobro S-ro Karlo Poupeye raportis pri sia vizito de la antaŭa tago al la kunveno de la Brusela Grupo. Esperanta teatraĵo estis legata dum la kunveno de la 21-a de oktobro kaj vekis ĝeneralan intereson. La 25-an de Oktobro, en la dancejo Tabarin, okazis la unua balo de la nuna vintra sezono. La sukceso estis grandega kaj kiel kutime la plimulto de la ĉeestantoj nur kontraŭvole forlasis la salonegon je la 3a matene. Raportado pri tiu okazintaĵo plenigis la kunvenon de la sekvanta mardo.

Interesa interparolado pri malmulte konataj stratnomoj en Bruĝo okazis la 4-an de Novembro. La 11an de Novembro la ĉeestantoj organizis ludon pri la temo : « Kion kunportas viro en siaj poŝoj kaj virino en sia mansaketo » Ĉiu laŭvice malplenigis siajn poŝojn aŭ sian mansaketon kaj la montritaj objektoj estis laŭte nomataj. Tiuj inventorioj instruis kelkajn novajn vortojn kaj la uzon de la sufiksojn uj- ing- il- kaj plie prizorgis amuzajn momentojn.

Dum la « Braderio » de la 23-a de Novembro, libroj kaj aliaj esperantaĵoj estis montritaj kaj kelkaj disvendataj.

Jaŭdon 27an de Novembro okazis en la restoracio de la grupa sidejo mitulvespermanĝo. La dudeko da ĉeestantoj abunde gustumis la bonegajn mitulojn kaj fritita n terpomojn kaj poste agrable finiĝis la vespero per rakontado kaj per societaj ludoj.

Surpriza vespero estis organizata la 2an de decembro. La dislotumado kaj malenvolvigo de la nekonataj premioj alportataj de ĉiuj ĉeestantoj, estigis grandan ĝojon.

*Programo de la venontaj kunsidoj* :

Ordinara kunveno : ĉiumarde je la 20, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or » Simon Stevinplaats.

Decembro : 23an : je la 20a : Ekzameno pri la elementa kurso; je la 21a : Debato « Ĉu estas dezirinde ke edzino laboru ekstershejme ? »

30-an : je la 20a : Disdono de diplomoj al la ekzamenintaj anoj de la elementa kurso. Je la 21a : Parolata gazeto.

Januaro : 6an : (Festo de la Tri Reĝoj - Epifanio) Agrabla kunveno estas preparata, pri kiu detalaj informoj estos donataj pli poste. — 13an : Ĝenerala jarkunsido de la Grupo Raportoj. Komitataj elektoj. ktp. — 20an : Kanta vespero — 27an : Ĉiu rakontu ion pri propra travivaĵo.

31an (sabaton) en la dancejo « Tabarin » (eniro Grauwwerkersstraat, apud la Teatro) Dua granda BALO de la nuna vintra sezono. Enirkartoj por 30 fr. ĉe la membroj aŭ per pago al la P.Ĉ.K. de la grupo N° 4855.53. Frua rezervigo de kartoj estas konsilinda.

Februaro : 3an : Raportado pri la balo. 10an : Parolata gazeto. — 17an : Portretludado laŭ lotumado aŭ ekskurso al la Karnavalaj festoj ĉe la marbordo. 24an : Humoraĵoj (antaŭskribitaj).

BRUSELO

## Esperantista Brusela Grupo.

*(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)*

La kunvenoj estas regule kaj multnombre vizitataj.

La 6an de oktobro, vesperon de nia parolata gazeto, okazis festa kunveno por premiigi S-inon F. Staes kaj S-ron Van der Stempel, kiuj akiris la plej altajn poentnombrojn por siaj artikoloj, legitaj en la kadro de la parolata gazeto. Ili ricevis diplomon kaj ĉekon kun valoro de 30 frankoj por aĉeti esperantan libron. Rekompence S-ino Staes kaj S-ro Van der Stempel regalis nin per la legado de la premiitaj prelegoj. Samtempe S-ino Plyson ankaŭ ricevis ĉekon de 30 frankoj kaj diplomon por la plej regula ĉeesto de niaj kunvenoj. La 20-an de oktobro kaj la 17-an de

novembro S-ro Van der Stempel gvidis kun la kutima lerteco la perfektigan kurson, kiun li bonvolis rekomenci. La 13-an de oktobro S-ro Castel priparolis la plej grandskale organizitan montalsadon, kiun la mondo iam vidis, kaj kiu okazis dum la lasta milito; la 27-an de oktobro estis rezervita al S-ro Oleffe, kiu pro teknikaj cirkonstancoj ne povis ĉeesti la kunvenon. S-ino Lerat, kiu hazarde vizitis nian grupon en tiu vespero, bonvolis legi por ni kelkajn historiojn, kaj aliaj samideanoj agrabligis la vesperon per rakontoj pri malnova Bruselo. La 3-an de novembro rekomenciĝis nia parolata gazeto, kaj S-ino Ernst akiris en tiu unua vespero la plej altan poentnombron per sia artikolo. La 10-an de novembro S-ino Daems parolis al ni pri malnova kaj nova Hungarujo. Ŝi speciale pritraktis la historion de tiu lando kaj ilustris sian prelegon per multe da bildprospektoj. Ŝi tiel sukcesis doni al ni bonan ideon pri Hungarujo.

La 22an de Oktobro malfermiĝis en Ateneo Robert Catteau, rue Ernest Allard, en Bruselo, elementa Esperanto-kurso gvidata de F-ino Simone Obozinski.

Specialan mencion meritas la prelego de D-ro Kempeneers, kiu okazis la 9-an de oktobro en « Maison du Peuple » St. Gilles ĉe la naturamikoj. Ĉeestis multe da personoj, kiuj kun granda interesiĝo sekvis la paroladon, faritan en franca lingvo, kaj kiu temis pri la origino de la lingvoj ĝenerale. La preleginto klarigis ke ili ĉiam estas ĉerpitaj el diversaj dialektoj. Tiel ankaŭ la internacia lingvo devos esti ĉerpata el pluraj lingvoj. La parolinto menciis ankaŭ la grandajn malfacilaĵojn, kiujn oni renkontas ĉe la tuja tradukado de iu lingvo en alian, kaj atentigis pri la danĝero kaj respondeco ĉe interpreto de komplikaj tekstoj, tuj ĉe elparolado, kio tiom ofte devas okazi dum la grandaj ONU konferencoj. Post tiu ege interesa parolado sekvis vigla diskuto.

*Programoj de la estontaj kunsidoj.*

Ĉiulunde, je 20.30 h. Ejo : Brasserie St Martin, Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Decembro.* — La 1-an, parolata gazeto; dimanĉon la 7-an, je la 15a Sankta Nikolaa festo; la 8-an, S-ro Jirousek : « Ok grandaj ensekretigitoj »; la 15an, Zamenhofa vespero; la 22-an, kursfina kaj kristnaska festoj; la 29-an, Mitulvespero.

*Januaro.* — La 5-an, parolata gazeto; la 12-an, S-ro Kempeneers prezentos filmojn; dimanĉon la 18-an, partopreno en la Festeno de Verda Stelo, en Antverpeno; la 19-an, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; la 26-an, Ĝenerala Kunsido, raportoj, elektoj.

*Februaro.* — La 2-an, parolata gazeto; la 9-an, S-ro Swinne : « Oro kaj paro ? »; la 16-an, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; la 23-an, S-ino Stern: « Richard Wagner », kun diskoj.

*Marto.* — La 2-an, parolata gazeto; la 9-an, S-ro Adamski, memorjonglaĵo; la 16-an, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; la 23-an, S-ino Castel manĝigos karnavalkukojn; la 30-an, F-ino Kestens, Nova promenado tra malnova Bruselo.

## Genta Grupo Esperantista.

Tiu ĉi grupo organizis novan parolan lecionaron de Esperanto; ĝi okazas ĉiumarde en ĉambro de la ŝtata Mezgrada Lernejo. La lecionojn gvidas Sinjorino M. De Rijcke. Ŝi elektis metodon tian ke ne nur la dulingvanoj (nederlanda kaj franca) ĉion komprenas, sed ankaŭ la unulingvanoj. La Grupo daŭrigas ankaŭ perleteran lecionaron gvidatan de S-ro Vandevelde.

## LASTHORA INFORMO

*Je la vera presmomento, ni ricevis de D-ro Kempeneers la jenan informon :*

**LASTMINUTE**, mi ricevis ampleksan raporton de D-ro I. Lapenna, en kiu li detale raportas pri la pritraktado de la demando pri la diverseco de la lingvoj en la internaciaj rilatoj.

Je la fino, rezolucio proponita de la Svisa delegacio, INVITANTE LA ĜENERALAN DIREKTORON KOMUNIKI LA PETSKRIBON AL LA STATOJ-MEMBROJ KAJ ENTREPRENI... LA NECESAJN PREPARLABOROJN POR EBLIGI AL LA ĜENERALA KONFERENCO DECIDI DUM ĜIA OKA KUNVENO, PRI LA AGOJ FAROTAJ JE TIU ĈI PETSKRIBO, estis unuanime voĉdonita de laborgrupo, kiu devis pritrakti la tutan programon de la kulturaj aktivecoj de UNESKO.

## Kurioza matematika Problemo

Iam kreditoro postulis de matematikisto la pagon de ŝuldo, kiun li pretendis esti de 1.610 frankoj, sed el kiu li ricevis nur 805 Fr. La matematikisto ne neis la ciferojn, sed li juĝis ke lia ŝuldo estas likvidita, ĉar li jam pagis parton !

La atero alvenis al la tribunalo, kie la advokato de la kreditoro povis facile demonstri la rajtojn de sia kliento. Tiam, ĉar la advokato uzis jurajn argumentojn por pruvi sian tezon, la matematikisto petis de la juĝisto la permeson utiligi sian sciencon por sia propra defendo. Kaj li tiel rezonadis :

« Ni difinu per A la tutan sumon postulitan (1610 fr.).

kaj per B la sumon jam pagitan (805 Fr.)

Ni havos : $A + B = 1610 + 805 = 2415$

El tio ni tiras : $A = 2415 - B$

kaj $B = 2415 - A$

Ni multipliku per B la unuan ekvacion kaj per A la duan. Ni havos :

$AB = 2415\ B - B^2$

$AB = 2415\ A - A^2$

Du kvantoj egalaj je tria egalas unu la alian. Sekve :

$2415\ B - B^2 = 2415\ A - A^2$

Ni povas ŝanĝi ĉiujn signojn, konservante la egalecon. Do :

$B^2 - 2415\ B = A^2 - 2415\ A.$

Se ni aldonas al ĉiu membro de la egaleco la saman kvanton, ni havos ĉiam egalecon. Ni aldonu la kvanton : $\frac{(2415)^2}{4}$. Ni havos :

$$B^2 - 2415\ B + \frac{(2415)^2}{4} = A^2 - 2415\ A + \frac{(2415)^2}{4}$$

$$\text{Sed}\quad B^2 - 2415\ B + \frac{(2415)^2}{4} = \left(B - \frac{2415}{2}\right)^2$$

$$\text{Kaj}\quad A^2 - 2415\ A + \frac{(2415)^2}{4} = \left(A - \frac{2415}{2}\right)^2$$

La du kvadrataj nombroj estas egalaj, iliaj radikoj estas ankaŭ egalaj :

$$B - \frac{2415}{2} = A - \frac{2415}{2}$$

Sekve $B = A$. Do nenion mi ŝuldas. »

Perpleksa, la juĝisto ĝis nun ne decidis. Eble inter la legantoj de « Belga Esperantisto » sin trovos iu por klarigi la aferon.

SEREZANO.

---

## EL LA ESPERANTISTA FAMILIO

### NEKROLOGO

Sinjorino Van Wanseele-Barbet funebras pro la morto, okazinta antaŭ kelkaj monatoj jam, de sia patrino Sinjorino Barbet. La gesamideanoj de la sindonema kasistino de Gent'a Grupo, kore kondolencas.

* * *

La 22an de Oktobro mortis en Bruĝo, S-ino Maria Bockholts, edzino de Sro Léon Van Wassenhove, ambaŭ de longaj jaroj gemembroj de la Bruĝa Grupo. La malaperinta samideanino regule ĉeestis la belgajn kaj ankaŭ kelkfojn internaciajn kongresojn. Al Sro Van Wassenhove, kaj al S-ino Schools, ŝia Antverpena parencino, ni prezentas plej korajn kondolencojn.

### GRATULOJ

Gratulojn ni sendas al malnovaj esperantistoj, kiuj festis sian arĝentan edziĝjubileon kaj kiuj membriĝis en « La Verda Stelo » en tempo, kiam S-ino Vermuyten estis ankoraŭ fraŭlino Blanche Lacroix... Estas longe for, sed ni esperas ke niaj geamikoj Hector kaj Blanche Vermuyten ankoraŭ longtempe ĝuos feliĉan kunan vivon en bona sano.

# Bibliografio

ANTAŬ DUMIL JAROJ — Romano de *Emmanuel*, pere de *Francisco Cândido Xavier*, el la portugala lingvo tradukis *L. C. Porto Carreiro Neto*. Eldonfako de Brazila Spiritisma Federacio, 400 paĝoj, 12 x 18.

Jen voĉo el la transmondo.

El tie transe, Emmanuel, la spirita aŭtoro de « Antaŭ dumil jaroj », diktis sian romanon al la Brazila mediumo Francisco Cândido Xavier, malaltranga kaj nur elemente instruita oficisto, kiu jam skribis (ne « verkis ») kaj hodiaŭ publikigis kvardek unu verkojn beletristikajn, historiajn aŭ sciencajn.

Tion klarigas al ni enkonduke la tradukinto L. C. Porto Carreiro Neto.

Ni do tuj kaj lojale estas informataj pri la tendenco de la libro.

Nu, kia ajn estu lia opinio pri nia postmorta estonto, ni certigas al la leganto ke, malferminte la volumon, li al ĝi restos katenita ĝis la lasta paĝo.

La temo rilatas al la spiritisma koncepto pri la evoluado de animo al perfektiĝo, pere de sinsekvaj reenkarniĝoj. Pritraktiĝas stadio de tia evoluado.

La okazintaĵoj lokiĝas, en Romo kaj Palestino, inter la jaroj 31 kaj 70 post la naskiĝo de Kristo, kiam la koncernatan animon — laŭpretende tiun mem de Emmanuel — enkarniĝas Publio Lentulus Cornelius, romana patricio kaj senatano.

Veninte Palestinon, kies klimato, li esperas, estos favora por lia malsana filineto, Publio Lentulus Cornelius renkontas tie la grandan figuron de Jesuo. La impresa personeco de la Nazareta profeto momenton ekŝancelos la fieran romanon. Sed li ne kapablos profiti tiun oportunaĵon unikan, kaj baldaŭ rekaptiĝos de la Cezaraj pompoj.

Tute male lia edzino, la milda Livia, avide malfermos al la nova doktrino sian koron jam ŝiritan de intimaj ĉagrenoj. Ŝi laŭiros, ĝis la lasta stacio, la kalvarion de la tiamaj kristanoj, kaj mortos dispecigite en la cirko, sub la okuloj de sia edzo, la tagon mem kiam tiu ĉi estas publike honorata kun aliaj altranguloj de la imperio.

Ekde tiam ni vidas Publio Lentulus Cornelius droni en abismo de malfeliĉo. Iĝinte blinda, li fariĝos, en sia mallumo, la pentanta gasto de siaj pasintaj eraroj. Sed la spirito de Livia revenos konsoleme ŝvebi ĉirkaŭ li, kaj kiam fine li siavice mortos, enterigite sub la ruinoj de Pompeja, ni komprenos ke

« *DIE REISE* » estas monata revuo belaspekta por vojaĝo kaj lando-logio, kiu enhavas diversajn artikolojn priskribajn kaj turismajn pri difinitaj landoj aŭ urboj.

La numero de novembro ĵusaperinta, antaŭmetas sur la kovrilpaĝo, belan vidaĵon de la Granda Placo de Bruselo kaj enhavas ankaŭ interesan artikolon pri nia ĉefurbo.

Sed iom sensacia por la esperantistoj, en tia revuo, estas la ĉefartikolo, kiu havas kiel iom longan titolon :

« English spoken — On parle français — Si parla Italiano — Man spricht Deutsch — Se habla Espanol, kaj « last not least », kaj sur aparta tria linio : ESPERANTO PAROLATA.

Tiu ĉi artikolo estas vera pledo por nia lingvo. La aŭtoro atentigas pri la multaj malfacilaĵoj, kiujn ĉiu renkontas ĉe turisma, kiel ĉe komerca vojaĝo; pri la malfacileco akceptigi kiel internacian lingvon, unu el la tiel nomataj « grandaj » aŭ dise konataj lingvoj; kaj tiam firme proponas esperanton, por kiu 16 milionoj da homoj sendis petskribon al U.N.O. kaj en kiu jam korespondas multaj gravaj asocioj, inter kiuj estas cititaj en la revuo : La itala Komunikada Oficejo « ENIT », la Dana Turista Ligo, la Germana « Bundesbahn », la Franca Touring-Klubo, la Finnaj fervojoj, kiuj metis informilojn en Esperanto en la stacidomoj, diversaj urbaj administracioj, kiuj permesas al siaj Esperanto-scipovantaj policanoj, porti brakumon, kaj multaj turismaj oficejoj, kiuj eldonis prospektojn en Esperanto.

lia animo supreniris plian ŝtupon survoje al renĉelo.

***

La supreciitaj ĉefroluloj moviĝas meze de tuta fluo da homoj kaj okazaĵoj, pro la mezurita loko ne aludeblaj en la kadro de tiu ĉi recenzeto. Mi diru nur ke la majstra maniero, laŭ kiu estas elvokita la atmosfero de la antikvaj Romo kaj Palestino, lasos al la imagemulo impreson de aŭtentikeco kiu jaluzigus Sron Cecil B. de Mille.

Jen konklude verko, altnivela laŭ formo kaj enhavo, elegante tradukita, kaj el kiu ĉiu ĉerpos elektindan substancon: la doktrinano : fidindon gvidilon, la laiko : belan legendon kaj ambaŭ : ĝuindan legaĵon.

H. CASTEL.

*SUOMI - SVENSKA - ENGLISH - DEUTSCH - FRANÇAIS - PO RUSSKE - ESPERANTO - DANSK - NORSK - ITALIANO - ESPANOL - PORTUGUES* « *SLOSILO* ». — Tiel estas la longega titolo de verketo de nia konata finnlanda samideano Vilho Setala, kiu enhavas alfabete klasigitajn kaj en ĉiuj supre cititaj lingvoj tradukitajn frazojn, kiujn oni iam bezonos dum vojaĝo.

Kun helpo de tiu ĉi libreto devas esti eble kompreniĝi sin en kiu ajn lando, eldirante aŭ montrante unu aŭ diversajn el la aperigitaj frazoj.

Kaj ĉar ĉiuj frazoj ankaŭ estas presitaj en nia Esperanta lingvo, ĉiu esperantisto povas ĝin do certe uzi.

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, koopera societo.

26, Oostenstraat, Antverpeno.

Jus aperis :

D-ro IVO LAPENNA :

**Aktualaj problemoj de la nuntempa internacia vivo :**

Fundamentaj nocioj; lukto por la paco per juraj rimedoj; internaciaj organizajoj. — Prezo : 70 fr.

Ankaŭ ĉiujn aliajn Esperanto-eldonajojn oni povas mendi ĉe **Belga Esperanto-Instituto, 26, Oostenstraat, Antverpeno.**

Belga Esperanto-Instituto akceptas abonojn al eksterlandaj Esperanto-gazetoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 106, rue Général Lotz, Uccle-Bruselo.
*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro H. SIELENS, Houwerstraat, 12, Antverpeno.
*Sekretario* : S-ro Joseph SOYEUR, 91, rue du Chêne, Seraing.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto-Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... . | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... . | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua* aliĝo al la internacia organizaĵo | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof, 1859-1917. Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2,—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10,—; 24 x 30 cm., Fr. 65,—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. Lielens, s. p. r. l., 18, rue de la Princesse, Bruxelles — Tél. : 21.10.98 — 21.87.90